Katolika Vivo

informiga gazeto internacia

# La Paco en danĝero



Sekve de malfacilaj ekonomiaj cirkonstancoj, en preskaŭ ĉiuj Eŭropaj landoj kaŭzitaj per fiaskanta kapitalista sistemo, la homspiritoj estas nuntempe pli malpli nerve streĉitaj. Estas fulmo en la aero. Naskiĝu unu fajrero, kaj la tondro eksplodos!

Tondro estas ĉiam kataklismo por la popolamasoj: hommortado, bienruinigo, ktp. Sed el ĝi scias akiri profiton iaj homoj. Kaj tiaj nun ree klopodas ĉiuforte naski la fajreron, kiu eksplodigos la tondron, reokazigos militon.

Oni devas rekoni, ke ĝenerale la registaroj nunaj ne deziras militon. Ankaŭ la intelektaj elitoj ne volas militon; ili eĉ klopodas por plifirme starigi pacon. Sed kio ebligas militon, tio estas la ekscitiga stato de la popolo. Kaj tiu ekscitigita popolstato estas kaŭzebla pere de la gazetaro.

Tial en multaj ekstremaj ĵurnaloj, ĉu sovetaj, ĉu naciistaj, de kelka tempo aperas tendencaj artikoloj, falsaj aŭ duonfalsaj informoj, maljustaj rakontoj, kies nura celo estas ĵeti homojn kontraŭ homoj, naciojn kontraŭ nacioj. Ambaŭflanke de la Rejno, ekzemple, la ŝovinistaj gazetoj pli kaj pli malkaŝe ekscitas unu popolon kontraŭ la alia, per malverajoj, per suspektoj, ktp. En Germanujo oni emfaze parolas nur pri avidemaj Francoj, kiuj arde deziras pro malsato morton de ĉiuj Germanoj; ĉu ja ilia venĝemo ne kaŭzis la krizon de senlaboreco? En Francujo oni detale priskribas militpreparojn de Germanoj, kies sangavidemo bezonas denove militi.

Certe, oni ne povas nei, ke ambaŭflanke estas nun ekscito. Kaj ni devas diri, ke la ekscito estas multe pli grava kaj danĝera en Germanujo ol en Francujo. Franco nature estas bonulo, kiu ne facile kredas pri militatako de najbaro. Dum Germano...! Ĉu ni mem ne jam ricevis kelkajn insultleterojn el Germanaj legantoj, kiuj senmotive akuzas nin pri ĉiuj imageblaj krimoj? Kaj tiuj estas katolikoj, esperantistoj, t. e. fratoj, pacamantoj!!! Kion do povus skribi aliaj?!

Ni devas ja bedaŭrinde konstati, ke la katolikoj ne ĉiam kontraŭas militagadon, malgraŭ la nediskuteblaj Papaj direktivoj. Male, ili ofte helpas pli malpli konscie la semadon de malkonfido kaj malamo inter la popoloj. Iliaj gazetoj ja raportas nur pri la najbara armado, sed preskaŭ neniam pri pacspirito kaj pacagado, kiuj tamen ekzistas en la apuda lando. La germana *Allgemeine Rundschau* mem konfesis tion. Tiel okazas, ĉar la katolika gazetaro estas pli malpli sklavo de la internaciaj presagentejoj, kiuj estas en la potenco de la militprofitemuloj. Kaj tiuj presagentejoj disvastigas komprenéble nur informojn utilajn al la celo trafenda. Necese estus havigi pli da sendependeco al la katolika gazetaro, por ke ĝi almenaŭ sciu la la pacajn klopodojn en diversaj landoj faritajn. Necesa estas internacia informilo sendependa!

Nia internacia Esperanto-organo klopodu esti tiu pacheroldo, kiu sciigante la ammotivojn, dissemos pli kaj pli da kristana karitato en la korojn kaj saviga lumo en la mensojn. Tiam la paco malpli estos en danĝero!

Georges Ramboux, *presbitero.*

NENIAM FORGESU!

# KIO ESTIS MILITO

*La nuntempe ekonomie malsana homaro ŝajne deziras denove militi. Kial? Nur por trovi finon al siaj malfeliĉoj. Kiel malsanulo kiu sin mem mortigas por trovi ripozon. Ĉar nova milito estos certe memmortigo de tuta Eŭropo. Dum la militaj arioj denove resonas en la aero, meditu tamen tiujn dirojn de la* Allgemeine Rundschau *pri la lasta milito de vi jam forgesita verŝajne. Kaj vere ĉu vi deziras tion reokazigi?*

Ni, homoj, tro rapide forgesas.

Ju pli ni forpasas de la estintaj okazoj, des pli ili eliĝas el nia memoro.

Tiel la plimulto el ni ankaŭ faras pri la terura okazaĵo de 1914-1918. La mondmilito, tiu emociiga realeco, kun ĉiuj ĝiaj teruroj kaj tragedioj, nun preskaŭ tute fariĝis legendo. Ni fakte grandparte jam forgesis. Kaj apenaŭ dektri jaroj forpasis post la fino de la milito!

Malĝoja, danĝera forgeso, kiu iafoje povas iĝi fatalo por ni. Forgeso, kiu ŝajnas multe pli eĉ nekredebla kaj gravega, ĉar ni ja ankoraŭ nun suferas pro la senteblaj efikoj de la milito! Nia troforgesemo, en alia okazo eble pardoninda, estas en ĉi tiu kazo antaŭ ĉio ne nur nekredebla kaj danĝera, sed ankaŭ fariĝis senekzempla facilanimeco.

Ni havas la moralan devon, ĉiu en sia medio, ĉion fari, por gardi la homaron kontraŭ ripeto de la katastrofega sang-orgio, kiu, dum kvar jaroj, emociigis tutan Eŭropon kaj kune la alian mondon.

La bilanco de la mondmilito estas potenca akuzo kontraŭ la milito entute. Nombroj estas nediskuteblaj, senpasiaj akuzantoj. La milito vidata laŭ nombroj. Tiuj statistike certigitaj nombroj teruraj, nombroj tiel grandegaj, ke kelkaj milionoj pli aŭ malpli apenaŭ valoros, kunhelpu por konigi la militon en ĝia terura abomeneco kaj postuligu ĝian ĝeneralan kondamnon kaj publikan proskripcion.

Fine de la mondmilito staris unuj kontraŭ la aliaj proksimume 30 milionoj da soldatoj, pretaj aŭ devigitaj al mortigado. Kaj dum la kvar jaroj 1914-1918 entute estis mobilizitaj 66 milionoj. El tiuj de la Aliancoj 42 milionoj, de la Mez-potencoj 24 milionoj. Germanujo [illegible] grandan nombron. Sekvas Rusujo per 12 milionoj, Anglujo per 9, Aŭstrujo-Hungarujo per 9, Francujo per 8 milionoj, ktp.

La milito daŭris 4 jarojn, 3 monatojn kaj 10 tagojn. Tie estas 1.560 tagojn aŭ 37.440 horoj de senhalta mortiga batalo. Dum tiu tempo 12 milionoj da junaj florantaj homoj mortfalis sur la honor-kampo. Mortfalis do meznombre ĉiutage 8.327, ĉiuminute 6 viroj. Ses mortintoj ĉiuminute! dumilionfoje!

Oni pensu: la sango de tiuj 12 milionoj de mortigitoj — 52 milionoj da litroj de homa sango — povus anstataŭi pli ol unu tagon la akvo-amasegon de la Niagara-falo kaj per ĝia falforto produkti la elektrofluon por iu tuta grandurbo! La tuta vagonaro de la fervojaro de Prusujo ne sufiĉus por transporti sole la distranĉitajn kapojn de tiuj milionoj da korpoj entute en unu fojo. Imagu al vi la fantazie longan vagonaron: la unua vagono jam starus en München, la lasta en la stacidomo de Berlino, kaj ĉiuj plenaj de sangaj homkapoj. Ho! civilizacio! Oni metu vice la korpojn de la mizere mortigitaj homoj, kapon ĉe kapo, piedo ĉe piedo. Tio estus tombo longa da 16.000 kilometroj. 16.000 kilometroj de mortigitoj! Ho! civilizacio! Tio do, ne menciinte la multegajn vunditojn, estas la celo de la milito. Ĉu tia nombro vere estas rimedo por savi la « honoron de iu ajn popolo »?

Jen la hieraŭa milito! Kia estus la morgaŭa? Pli terura certe! Kaj por vin gardi kontraŭ ĝin, neniam forgesu la antaŭan! Jes, neniam forgesu! Kaj instruu la novan generacion, por ke ĝi sciu tion, kio estas « glora milito »!

Karl Kullmann.

## Niaj Nederlandaj Legantoj

*bonvolu nepre noti, ke de nun nia abonejo en Nederlando estas la Firmo Wilhelm van Eupen, Wal 2-a, en Eindhoven, kies poŝtkonto estas no 19.313.*



Milita tombejo en Francujo, kie kuŝas 34.285 Germanaj soldatoj

## Komunikoj el Konnersreuth

### La konvertiĝo de Rothschild

Ree kaj ree venas el Konnersreuth novaj sciigoj pri la mirigaj efikoj de la de Dio riĉe dotita Terezo Neumann. Antaŭ nelonge oni aŭdis, ke judo sub la influo de la okazintajoj en Konnersreuth transiris al Kristanismo. Li devenas laŭ sia propra eldiro de la milionul-familio Rothschild. Estante en Konnersreuth, li iris ĉiutage al la preĝejo por ĉeesti la meson, kaj li estis ege emociita de tio, kion li vidis. Li lasis sin instrui pri la katolika religio, kaj li petis Terezon, ke ŝi estu lia bapto-patrino. Kaj fakte li estas nun baptita. Sian apotekon en Germersheim li donacis al sia farmaci-helpanto kaj li mem dediĉas sin nun al teologiaj studoj.

### Saniĝo de mort-malsanulo

D-ro med. R. W. Hynek en Praha, kiu dum milito servis kiel ĉef-kirurgo de la 7-a aŭstri-hungara armeo, raportas en tiom konvinka maniero, ke pridubo estas ne ebla.

La 67-jara kampulo Jan Glabazna el Mokre Lazu ĉe Troppaŭ malsaniĝis en junio 1926 je obstina naz-kataro, en decembre ege ŝveliĝis la nazo, la kutima kuracisto sendis lin do al specialisto. Tiu operaciis la malsanulon, sed tio ne efikis daŭran sanon. Ĝis la fino de junio 1927 la bedaŭrindulo suferis 16 operaciojn. Komence de julio li konsultis D-ron Lichtwitz en Troppaŭ; tiu konsilis lin, iri en klinikon. Do la malsanulo sin turnis al la hospitalo de la « kompataj fratoj » en Praha; tie oni konstatis naz-tumoron. Tiu malsano, kiun oni kalkulas al la plej danĝeraj ŝvelajoj, estis jam tiom progresinta, ke oni ne plu povis helpi per operacio. Tial oni konsilis la pacienton, reveni post 4-6 semajnoj, sed antaŭe li devu ordi siajn aferojn. La kuracistoj ne kredis, ke li vivanta revenos.

Jan Glabazna migris tiam al la pilgrimloko « Sankta-Monto » apud Praha, petante la Dipatrinon je konsilo kaj helpo kaj facila morto. Kiel lastan rimedon li provis fari novenon al la malgranda sankta Terezo kaj li ankaŭ skribis al la pastro de Konnersreuth leteron kun la peto, ke Terezo Neumann bonvolu, vendredon la 23 septembro 1927, la lastan tagon de la noveno, lin inkluzivi en sian preĝon kaj suferojn. Pri lia subita kuraco Glabazna mem rakontas :

« Je tiu tago (23 septembro 1927) [illegible] kapo estis kaptita de tiom tranĉa doloro, ke mi timis, per eta movo de l' korpo suferi la morton. Mi jam atendis mian vivo-finon. Tiu agonio daŭris de mateno ĝis posttagmezo je la 4-a horo akurate. Post la unua batsono de la horloĝo la doloro ĉesis kaj mi vokis al mia edzino : « Mi saniĝis, mi estas sana ! »

Ekde tiu tago la je malesperiga naz-kancero suferinta viro estis tute resaniĝinta, kaj li povis ĉi-jare, malgraŭ sia maljunaĝo, mem kunlabori ĉe sia rikolto.

Ĉiuj kuracistoj, kiuj provis kuraci lin, konstatis lian saniĝon, kaj D-ro Lichtwitz (judo) klarigis, ke la saniĝo mirakle okazis post la interrilato kun Konnersreuth.

D-ro Hynek posedas ĉiujn pruvajn dokumentojn pri la mirinda kuraco kaj li estas preta, prezenti ilin al la episkopa kurio en Praha. Intence li atendis unu jaron ekde la saniĝo de Glabazna, por konvinkiĝi, ĉu fakte temas pri daŭra sanstato.

Maria Ŝot.

# La Konsekro de la Patronino de Brazilo

En la jaro 1743, en loko proksima de urbo Guaratinguetá, Ŝtato Sankta-Paŭlo, fiŝkaptisto, jetinte sian reton en riveron Parahyba, kaptis statueton de la sankta Virgulino. Dum kelkaj jaroj ĝi restis en lia domo, kien ĉiusabate kelkaj enloĝantoj venis por kune preĝi la anĝeluson. Iom post iom kreskis la nombro de la vizitantoj, precipe pro la famo pri la mirakloj okazintaj sekve de propeto al Sinjorino Aperinta (tiel Ŝi estas de tiam nomata). Poste oni konstruis specialan preĝejon, nun granda baziliko, kien la statuo estas transportita. Tiel famiĝis la nomo de Nia-Sinjorino Aperinta, ke el ĉiuj Brazilaj Ŝtatoj venadis pilgrimantoj por Ŝin viziti kaj kulti. La urbeto Aperinta fariĝis la Brazila Lourdes !

Ke la respektivaj loĝantoj povu elmontri siajn respektegojn al la Dipatrino.

Kolosa amaso da homoj respektoplene atendis ĉe la Centra Stacidomo la alvenon de la sankta Virgulino, kiu tiam recevis varmegan aklamadon. En aŭtomobilo, akompanata de la ĉefepiskopoj de Rio de Janeiro kaj de Ŝtato Sankta-Paŭlo, ŝi trapasis diversajn stratojn ĝis la placo Sankta-Francisko de Paula, ĉiam aklamata de la popolamaso, kiu ilin plenplenigas. Sur tiu placo, ĉe altaro starigita antaŭ samnoma preĝejo, Lia Kardidinala Moŝto celebris plenaeran ĉefmeson, kiun ĉeestis silente kaj pieme la granda popolamaso tien veninta el la ĉirkaŭaĵoj.

Je la 14-a eliris el la katedralo la triumfa procesio, kiu trapasis dum tri horoj, meze



La statueto de Nia-Sinjorino Aperinta meze de la ĉefepiskopoj de Rio de Janeiro kaj de Ŝtato Sankta-Paŭlo

Fine Lia Papa Moŝto, laŭ peto de la Brazila klerikaro, per dekreto de julio 1930, proklamis Nian-Sinjorinon de la Koncepcio patronino de Brazilo sub la nomo *Nia-Sinjorino Aperinta.*

Ti[illegible] D. Sebastião Leme, ĉefepiskopo de Rio de Janeiro kaj jam konata kiel la eŭkaristia episkopo, oni decidis, ke la konsekro de la pratronino estos farata solenege la 31 majo de l' nuna jaro. Estas ankaŭ decidite, ke la statueto de Sinjorino Aperinta venos al la ĉefurbo de Brazilo, kies ĉefajn stratojn ĝi trairos en solenega procesio.

Dum la semajno antaŭ la procesia tago, nomita « Maria Semajno », okazis en la ĉefaj paroĥoj kongresetoj, ĉiam brilaj, kiuj finiĝis per solena kongreso, kie oni laŭdis Marion kaj diskutadis pri la plej bonaj rimedoj plifervorigi Ŝian kulton.

La 30 majo okazis solena episkopa meso kun ĉeesto de pli ol 20 ĉefepiskopoj kaj episkopoj, la Papa Nuncio kaj altaj aŭtoritatuloj.

La sankta Virgulino venis el sia preĝejo, kun granda akompanantaro, per speciala vagonaro de la Centra Fervojo, kiu estas devigata halti en ĉiuj dumvojaj stacioj, por

de bruaj kaj entuziasmaj aplaŭdoj kaj aklamadoj, stratojn plenegajn de viroj, virinoj kaj infanoj. Dum la vojiro oni kantis religiajn himnojn.

La sankta Virgulino, akompanata de la ĉefepiskopo de Sankta-Paŭlo, la Papa Nuncio kaj Msro Rezende, veturis per aŭtomobilo ĉirkaŭita kaj antaŭita de honora gvardio konsistanta el oficiroj kaj frakvestitaj eminentaj personoj.

Akompanis la procesion ĉefepiskopoj, episkopoj, la regulara kaj sekulara klerikaroj, geskoltoj, geanoj de katolikaj ligoj kaj kongregacioj kaj proksimume 50.000 blanke vestitaj filinoj de Mario.

Diversaj militaj muzikistaroj ludis dum la vojiro kaj marmilitaj aeroplanoj flugis super la popolamaso.

El ornamitaj fenestroj kaj verandoj belaj floroj estis jetitaj al la Dipatrinon.

Sur la vastega tereno, kie antaŭ kelkaj jaroj staris Monto Castello, oni konstruis bele ornamitan altaron inter du longaj estradoj. Multaj religiaj asocioj kun siaj standardoj plenigis la ĉirkaŭaĵojn de la altaro por tie atendi la procesion.

Sur estrado starigita antaŭ la altaro ĉeestis la alvenon de la procesio la prezidanto de la Provizora Registaro, ministroj, diplomatoj kaj altaj aŭtoritatuloj kaj iliaj familioj.

Dek-unu laŭtparoliloj, instalitaj de Philips de Brasil S. A., ripetis la kantojn, parolojn kaj aklamadojn de la ĉeestantaro, kiuj estas ankaŭ disradiitaj de la stacio de Radio-Club de Brasil.

Ĉe la alveno de Sinjorino Aperinta oni ellasis centojn da kolomboj, kiuj flugis super la popolamaso dum kelka tempo. Metinte la statueton sur la altaron Msro Sebastião Leme per emociigaj paroloj faris la konsekron de la patronino de tuta Brazilo. Neforgesebla solena momento! Poste parolis la ĉefepiskopo de Ŝtato Marunhão kaj la Episkopo de Ŝtato Espirito Santo. Bruegaj kaj entuziasmoplenaj aplaŭdoj al Kristo-Reĝo, al sankta Virgulino, al la Papo, al la kardinalo kaj al la prezidanto de la Provizora Registaro, kiu jus permesis la religian instruadon en la lernejoj, kronis la belan ceremonion, kiu restos ĉiam viva en la memoro de ĉiuj ĉeestintoj, kies nombro estis supera ol 500.000. Laŭ la diro de fremdaj diplomatoj, tiu procesio estis la plej impona religia manifestado okazinta en tuta Ameriko. Unu el la ĉeforganizintoj de la procesio estas Msro Luiz Gonzaga de Carmo, tre simpatia al Esperanto.

Alberto Couto Fernandez.


KATOLIKA VIVO
DUSEMAJNA GAZETO INTERNACIA

DIREKCIO kaj REDAKCIO
10, Rue Pergolèse — PARIS-XVI
Telefono : Paris-Passy 06-30 aŭ Paris-Elysées 85-84
Telegrama adreso : Ramboux, Croibayar-Paris-86
La direktoro akceptas merkrede kaj sabate de la 14-a ĝis la 18-a, kaj laŭ interkonsento.

ADMINISTRACIO
10, Rue Pergolèse — PARIS-XVI
Poŝta ĉekkonto : Ramboux Georges, Paris nº 281.40

ABONPREZOJ :

| | jara | duonjara | kvaronjara |
|---|---|---|---|
| Por Francujo kaj ĝiaj Kolonioj . . fr. fk. | 30.— | 16.— | 8 50 |
| Por landoj kun rabata posttarifo . fr. fk. | 35.— | 18.50 | 9.75 |
| Por aliaj landoj fr. fk. | 40.— | 21.— | 11.— |

La abonoj komencas la 1-an de ĉiu monato.
Ĉiu abonanto al *Katolika Vivo* ricevas ankaŭ la monatan revuon ilustritan *Espero Katolika.*
La abono daŭras, se ni ne ricevas kontraŭmendon, kaj sekve ĝi estas tuj repagota.

Oni abonas aŭ reabonas :

1-e Rekte al la administracio de la gazeto, ĉu per nia poŝtkonto (Ramboux Georges, Paris nº 281.40), ĉu per naciaj bankbiletoj aŭ bankĉekoj, pageblaj en Parizo, sendataj en registrigita letero ; ankaŭ per internacia poŝtmandato.

La posedantoj de poŝtĉekkonto en la sekvantaj landoj : Aŭstrujo, Belgujo, Ĉeĥoslovakujo, Danujo, Danzigo, Franca Okcidentafriko, Germanujo, Hungarujo, Jugoslavujo, Luksemburgo, Maroko, Nederlando, Saarteritorio, Svedujo, Svisujo kaj Tunizio, povas pagi per internacia poŝtĉektransigilo al franca poŝtĉekkonto nia.

2-e Pere de la enlandaj abonejoj ĉi-sube menciitaj, sammaniere aŭ per ilia poŝtkonto :

*Por Anglujo* : S-ro J. E. Hookham, 45, Holmesdale Road, en Teddington (Middlesex).

*Por Aŭstrujo* : S-ro Karl Dürschmid, Herrengasse 23, Graz. Poŝtkonto nº 122.791.

*Por Belgujo* : S-ro César Vanbiervliet, Audenaerdesteenweg 100, Kortrijk. Poŝtkonto nº 2289.27.

*Por Ĉeĥoslovakujo* : S-ro Fr. Kozel, Trebizského 474, Praha-Koŝire. Poŝtkonto nº 89.927.

*Par Germanujo* : S-ro J. Thomalla, Harsdoferstr. 7 k. Magdeburg-W. Poŝtkonto nº 9.728.

*Por Hispanujo* : Pastro Font Giralt, Seminario de Santa María del Collell, Gerona-Bañolas.

*Por Irlando* : S-ro H. McNiel Macauley, 1, Wellington Quay, Dublin, C. 4.

*Por Nederlando* : Firmo W. van Eupen, Wal 2-a, Eindhoven. Poŝtkonto nº 19.313.

*Por Polujo* : S-ro M. Janik, Świerklany-Dolne (Rybnik). Konto P. K. O. 303.779, Katowice.

*Por Svislando* : S-ro Hans Finkel, Linsebühlstr. 4a, Sankt-Gallen.




Konsekro de la Patronino de Brazilo : aspekto de la popolamaso laŭlonge de la procesi-marŝado

# EL HISPANUJO

## Kio okazas en Sankta-Lucia de Ezquioga ?

Ĉe kilometro 63 de la vojo Beasain-Zumárraga estas loko, kiu atentigas nun la hispanan popolon, tiel kredantoj kiel nekredantoj.

Ĉiuj, kiuj pilgrimas tien, ĉiuj fervoriĝas kaj ĉiuj emociiĝas.

La 30 de pasinta junio krepuskiĝis, kiam du gefratoj, Antonino Bereciartua Goenaga, dekdu-jara, kaj Andreo, sep-jara, portante laktpotojn, lacigitaj de la marŝado, ambaŭ sidis sur la potoj por ripozi iomete, sed kiam ili ekrigardis ĉielen, Antonino ekkriis :

— Ha ! vidu la Virgulinon !

— Ha ! jes, respondis ŝia frato Andreo.

— Ni preĝu unu « Saluton Mario », diris Antonino.

Dum la preĝado ambaŭ gefratoj observis, ke la melankolia, ĉagrenita kaj dolora mieno de la Sanktega Virgulino ŝanĝiĝis gaje kaj ĝoje kvazaŭ dankante ilian saluton.

Post kelkaj momentoj malaperis la ĉiela vizio kaj la geknaboj alveninte hejmen rakontis tion, kion ili vidis al sia plejaĝa fratino, kiu mirigita de tia miraklo, rapide kuris en la monteton proksiman kaj ankaŭ atente rigardis la saman vizion.

La sekvantan tagon, je la dudekunua horo, la deklivo, meze de la popolo preĝanta la sanktan rozarion kaj poste deklaris trankvile, ke ŝi vidas la Sanktegan Virgulinon kun nigra mantelo kaj krono, sed ian fojon ŝi estas gaja kaj alian malgaja.

Ankaŭ vidis la vizion junulo dudekkvarjara Francisko Goicoecheu de la viljo Ataun, kaj la infano ok-jara Seralegui de la viljo Edua.

Merkredon 8 julio, je la dudeka kaj duono horo komencis la preĝadon de la sankta rozario. Sur unu flanko de la monteto estis Antonino akompanita de la paroĥestro de Ezquioga kaj lia kunhelpanto, kaj sur la alia flanko la infano Andreo kun alia pastro.

Ambaŭ gefratoj vidis la Sauktegan Virgulinon, sed ŝi malaperis, kiam suprenirante ili alproksimiĝis al ŝi.

Finis la kunveno, kiam la geknaboj adiaŭis la Sanktegan Virgulinon dirante : « *Ama Virgina Maite izan agur* : Virga Patrino, protektu nin. Adiaŭ. »

Ĉeestis proksimume dekdu mil personoj ; la aŭtomobiloj estis ducent dek.

Poste Antonino kaj Andreo iris hejmen, sed publiko aklamis ilin, kiuj de la fenestro per laŭta voĉo preĝis tri « Saluton, Mario »,



La loko de la aperoj en Ezquioga

La vidintoj : Andreo kaj Antonino Bereciartua Goenaga ; Jesuo Rodriguez, aŭtokondukisto ; Jesuo Ruiz ; Josefino Tabsada ; Josefino Lasa.

ankaŭ aperis la Sanktega Virgulino al la geknaboj.

Trian tagon, ĵaŭdon 2 julio, el ĉiuj domaroj kaj vilaĝoj alvenis centoj da personoj, ĉar jam disfamiĝis la novaĵo, kaj same okazis la vendredon.

Kvinan tagon, sabaton 4 julio, iom pli ol 1.500 personoj atendis la infaninon Antoninon, kiu iris al viljo Ormaiztegui por konfesi, por komuniiĝi la dimanĉon. Ŝi alvenis, portanta flamantan kandelon en unu mano kaj bukedon en la alia, akompanita de kelkaj pastroj, kiuj, suprenirante la deklivon de la kampo, demandis :

— Ĉu vi vidas ion ?

Kaj la infanino respondis jese. Tiam la amaso da popolo baras la liberan movadon de la knabino, sed pastro silentigis la popolon kaj komencis preĝi la sanktan rozarion.

Nur Antonino kaj ŝia frato Andreo estis vidantaj la Sanktegan Virgulinon, sed kiam komencis la kvaran gloran misteron « La Ĉieliro de Mario » svenfalis junulo dudekok-jara, Jesús Rodriguez, filo de la instruisto de Beasain kaj aŭtokondukisto de S-ro Echezarreta, ĉar li vidis la aperon de la Sanktega Virgulino. Tiel fortan sensacion li sentis, ke li ne povis konduki la aŭtomobilon al Legorreta.

Dimanĉon 5 julio ĉeestis proksimume tri mil personoj, la civilgardistoj kaj *mikeletoj* ordigas la transiĝon en la monteto kaj valo.

Kiam la ĉeestantaro preĝis la sanktan rozarion, subite brilegis kaj aperis la Sanktega Virgulino, travundata per glavo en la brusto, alvenanta apud la popolamaso, kaŭzante tian impresantan efekton, ke oni ne povis daŭrigi la sanktan rozarion, do dum kelkaj entuziasme ekkriis, aliaj aplaŭdis.

Mardon, 7 julio, la ĉeestantaro estis pli ol ses mil personoj, multegaj aŭtomobiloj, aŭtoĉaroj, bicikloj, kaleŝoj kaj ceteraj baris la vojojn al piedirantoj.

La eminenta D-ro Asuero atente ekzamenis la knabinon Antonino kaj deklaris, ke ŝi estas sana kaj normala.

Tiam, akompanita de la urbestro, sekretario kaj diversaj kuracistoj, Antonino trairis kaj la popolo respondis « Sankta Mario... »

Ĵaŭdon 9 julio pligrandiĝis la publiko ĝis proksimume dekkvin mil.

En la komenco de la dua mistero « Jezuo vipbategata » Antonino vidis la Sanktegan Virgulinon kaj detalis la nigran mantelon, kronon kaj ceteron ; en nokta silento nur oni aŭdis la laŭtan kaj potencan voĉon de pastro, kiu gvidis la preĝadon, al kiu respondis fervore la publiko.

Kiam komencis la « Lauretana Litanio », ekkriis tre laŭte la naŭ-jara knabino María Ludovikino Azurmendi, kiu vidante la Sanktegan Virgulinon, diris al ŝi : « *Amatxo ¿zer nai dezu?* : Patrino, kion vi deziras ? — *Erosarioa erezatzea egunero* : Ke vi preĝu rozarion ĉiutage », respondis la Sanktega Virgulino.

Daŭras la ĉiutagaj ĉielaj vizioj. La paroĥestro ordonis komenci la preĝadon je la dekoka horo, por fini ĝin dum la suna lumo, antaŭ la krepusko.

La 30 julio la ĉeestantaro estis pli multenombra ol antaŭaj tagoj. Ĉiuj celas vidi ion, sed ne ĉiuj havas tian ŝancon. Ĉiuj avidas scii kion celas la Sanktega Virgulino per siaj aperoj.

La naŭ-jara infanino Benita Aguirre vidis la Sanktegan Marion blanke vestitan, kaj demandis al ŝi : « Ĉu vi volas, ke ĉi tie ni konstruu kapelon ? » La Sanktega Virgulino respondis nee.

Aliaj plenaĝaj virinoj ankaŭ vidis ŝin blanke vestitan. Same ili demandis, kaj ŝi same respondis nee.

La dudektri-jara junulo Johano del Coro vidis la Sanktegan Virgulinon ankaŭ blanke vestitan kaj ĉirkaŭitan de anĝeloj kaj unu monaĥino.

Ĉiuj estas surprizitaj per la ŝanĝo de la vestakoloro, ĝis nun ĝi ja estis nigra kaj de nun ĝi estas blanka. Ĉiuj certigas ke la beleco de la Sanktega Mario estas la plej perfektega kaj neesprimebla.

La junulo Francisko Goicoechea el Ataún, kiam li vidas la vizion, ofte ekstaziĝas, sed la vesperon de la tago 2 de aŭgusto, dum la ekstazo, li estis levita en plena aero dum sepdek sekundoj, laŭ atesto de Manuel Arriola, el Bilbao ; Hilario Munduate, el Ataún, distrikto de Olaverria ; Nicolás Zurutuza Múgica, el Ataún ; Cándido Arruabarrena Recalde, el Irún, kaj Bautista Urquía, el Irún. Ĉiuj personoj atestas, ke ĉi tia okazintajo estas supernatura.

Ĉiuj detaloj pri la ĉiutagaj okazintaĵoj estas skribitaj por la eklezia proceso, kiun baldaŭ komencos la aŭtoritatuloj.

Tio okazas en Sankta Lucía de Ezquioga, provinco de Guipúzcoa, Hispanujo.

Francisko M. Rua.

# LETERO EL NEDERLANDO

### La organizado de katolikaj instruistoj

Pere de fidindaj informoj ni kapablas doni statistikan transvidon de la organizado de katolikaj instruistoj en nia lando. La katolikan instruadon nialandan nuntempe prizorgas entute proksimume 13.000 katolikaj instruistoj el kiuj 3.800 estas religiuloj. La laikaj instruistoj troviĝas en du federacioj, nome : la Federacio Sankta-Wilibrordo por la eparĥioj Utreĥto kaj Harlemo, kaj la Federacio Sankta-Kanisio por la eparĥioj 's-Hertogenbosch, Breda kaj Roermond, kiuj kalkulas laŭ lastdataj informoj entute 8.764 anojn.

La Federacio Sankta-Wilibrordo konsistas el la unuiĝo de katolikaj instruistoj en la ĉefeparĥio Utreĥto : Unuiĝo Sankta-Lebuino, kaj la unuiĝo de katolikaj instruistoj en la eparĥio Harlemo : Unuiĝo Sankta-Aŭgusteno.

La Unuiĝo Sankta-Lebuino kalkulas 1.775 membrojn en 32 sekcioj. Ĝi posedas pedagogian komisionon kaj specialan unuiĝon por lernejestroj : la Unuiĝo Sankta-Gregorio.

La Unuiĝo Sankta-Aŭgusteno kalkulas 2.116 membrojn en 18 sekcioj ; ankaŭ en ĉi tiu unuiĝo ekzistas unuiĝo por lernejestroj.

La Federacio Sankta-Kanisio konsistas el la Ligo por katolikaj instruistoj kaj la Ligo por katolikaj instruistinoj, ambaŭ ligoj en la eparĥio 's-Hertogenbosch, la Ligo de katolikaj instruistoj en la eparĥio Breda kaj la Ligo de katolikaj instruistoj en la eparĥio Roermond.

La Ligo de katolikaj instruistoj en la eparĥio 's-Hertogenbosch kalkulas 1.118 membrojn en 20 sekcioj kaj tiu de la instruistinoj 791 membroj en 11 sekcioj.

La Ligo de katolikaj instruistoj en la eparĥio Breda kalkulas 896 membrojn en 12 sekcioj. Ĝi posedas subtenadkason, religian komisionon kaj komisionon por la statistiko.

La Ligo de katolikaj instruistoj en la eparĥio Roermond kalkulas 2.068 membrojn en 23 sekcioj.

Fakaj kaj ligaj gazetoj estas la semajnaj gazetoj « La katolika lernejo » kaj « La organo de la katolika lernejo ».

La instruado kaj edukado de la katolika junularo en Nederlando staras sub la alta [illegible] 1920, fondis la katolikan centran oficejon por instruado kaj edukado.

La nombro de katolikaj malsupraj lernejoj en nia lando estas 2.354 kun 416 363 lernantoj, el kiuj 203.499 knaboj kaj 212.864 knabinoj.

### La katolika pacmovado

La katolika laborkomitato por la Senarmigadkonferenco 1932, pri kies fondiĝo ni informis en antaŭa numero de K. V. decidis en sia kunsido de la 2 julio jenon :

1-e La katolika pacligo okazigos en la monato septembro venonta grandan ĝeneralan kunvenon por klarigi la signifon de la Senarmigadkonferenco 1932 kaj por akcepti ĉi suban rezolucion :

Pripensante :

I. Ke nun, dekdu jarojn post la fino de la milito, en la mondo ankoraŭ ne regas vera paco, sed kontraŭe maltrankvileco kaj necerteco ege kaj daŭre kreskas ;

II. Ke ĉiu, kiel homo kaj kiel kristano, nepre devas uzi sian tutan influon : por antaŭveni ripetadon de la senhonoriga milito ; por anstataŭigi la materian potencon de la bataliloj per la morala potenco de la rajto kaj per la subtenado de tiu lasta certigi la por ĉiuj popoloj necesan sendanĝerecon kaj plifortikigi la pacon inter ili ;

III. Ke, laŭ la vortoj de Papo Benedikto XV-a, la samtempa kaj reciproka malpliigo de la armigado por tio estas urĝa kondiĉo ;

IV. Ke diversaj ŝtatestroj en plena konscio de ilia prirespondeco elparolis la averton, ke eventuala malsukceso de la venonta Senarmigadkonferenco signifus ne malpli ol katastrofo por la mondo ; subskribintoj esprimas, kiel privatuloj kaj kiel membroj de ilia socio, ilian firman nerefuteblan volon,

Ke la Senarmigadkonferenco alportu tujan, veran kaj gravan malpliigon de la armigado en ĉiuj ĝiaj faktoroj kaj tiamaniere, ke la mondo liberiĝu de la daŭra militminacado.

Pro tio ili tutcerte atendas, ke la delegitoj en la Senarmigadkonferenco, plenkonsciaj de ilia peza prirespondeco rilate la popolon, kiun ili riprezentas kaj rilate la tutan socion, transformigos ĉi tiun klare esprimantan volon en agoj.

2-e Post ĉi tiu kunveno la ligo, kunlaborante kun la centraj organizajoj, donos dum la monato oktobro okazon al ĉiu por konsenti kun ĉi tiu rezolucio.

3-e Samtempe en la monato oktobro pere de la sekcioj de la centraj organizajoj okazos kolektado de subsignoj inter nia katolika popolo en ĉiuj ĝiaj artikoj.

Agadoficejo en Hago prizorgos la administracian gvidadon.

Intertempe la komitato petas fortan kaj daŭran preĝadon por ĉi tiu celo, ĉar nur tiam la laboro povas fariĝi fruktodona.

### La pilgrimado al Lourdes

La Nederlanda nacia pilgrimado al Lourdes okazis ĉi tiun jaron de la 15 ĝis 24 julio kaj konsistis el 1.745 pilgrimantoj inter kiuj 285 malsanuloj. La pilgrimado okazis per tri specialaj vagonaroj kaj unu aparta vagonaro por la malsanuloj.

### La ligo de katolikaj laboristoj

La ligo de katolikaj laboristoj en Nederlando jus okazigis sian printempan kunsidon en Enschede. El la malfermparolado de la prezidanto ni citu, ke la anaro en 1930 kreskis ĝis 171.397, kio signifas pliiĝon de 16.500 membroj. La anaro de la junula sekcio : « la juna laboristo » kreskis ĝis 3.370.

La kapitalo, pri kiu la centra subtenadkaso de la ligo povas disponi estas proksimume kvin milionoj da guldenoj.

La ligo nuntempe preparas sin por grandiosa demonstrado, la 6 septembro, en Utreĥto, por solene memori la datrevenon de la *Re*- [illegible] la sociaj rajtoj kaj postuloj de la katolika laboristaro, kiuj ankaŭ kaj precipe en ĉi tiu kriza tempo devas esti efektivigataj.

J. H. Westen.

## Familia Libreto

**NASKIĜOJ**

Ni ĝojas anonci la naskiĝon de Claire-Renée Rombouts, la 16 junio 1931, filino de nia ŝatata abonanto en Kortrijk, Belgujo. Niajn gratulojn kaj bondezirojn tutkorajn.

Al nia sindonema abonperanto en Belgujo, S-ro Cesar Vanbiervliet, Kortrijk, naskiĝis ĝentila filineto, kies baptonomo estas Joanna Clara Maria Godelieve. Niajn plejkorajn bondezirojn.

**EDZIĜOJ**

Nia sindonema kunlaboranto en Germanujo, kies artikolojn jam plezure kaj atente rimarkis niaj legantoj, S-ro D-ro Wilhelm Solzbacher, redaktoro ĉe multaj jurnaloj, ankaŭ direktoro de *La Juna Batalanto*, oficiala organo de MOKA, edziĝis, la 27 julio lasta, en Köln, kun F-ino Regina Reiff, ankaŭ bone konata en esperantistaj rondoj. Niajn plejkorajn bondezirojn al la nova paro.

**MORTOJ**

S-ro Zdeněk A. Blazek, advokata oficisto en Mnichovo Hradište (Ĉeĥoslovakujo), havis la ĉagrenon ĉeesti la morton de sia patrino Marie Blaŝkovà-Ŝindelàrovà, la 28 majo lasta ; ŝi estis nur 53-jara. Al nia leganto niajn korajn kondolencojn.

## Nia venonta numero eliros meze de septembro.

**Nia gazeto estas ponumere aĉetebla en Parizo :**

Esperantista Centra Librejo, 51, rue de Clichy (IXe).

Universala Oficejo Katolika, 59 ter, rue Bonaparte (VIe).

# Letero el Hungarujo

### Jubileaj festoj honore al sankta Antonio en Budapeŝto

En tuta Hungarujo ĉie estas edifaj festoj aranĝataj honore al sankta Antonio el Padova.

En la ĉefurbo Budapeŝto krom la preĝeja festo, ankaŭ en ĉambrego Vigado estis granda solenaĵo, kiun ĉeestis multaj eminentuloj. La malferman paroladon diris Lia Kardinala Moŝto D-ro Serédi, hungara princprimato; kaj la meritojn kaj virtojn de Padova Lilio konigis Pastro Antonio Butykay, Franciskano, la en tuta lando konata eminenta oratoro.

Sekvantan tagon en diversaj partoj de la ĉefurbo 4.000 malriĉulojn gastregalis la Franciskana Ordeno. La tagmanĝon disdonadis la franciskanaj patroj kaj ilin helpis la anoj de la Tria Ordeno. Tiu ĉi bonfaranta kaj la spiriton de sankta Antonio respegulanta ago estis inda finiĝo de la jubileaj festoj.

### La procesio de Plejsankta-Koro de Jesuo en Budapeŝto

Kiel ĉiujare, nun ankaŭ la procesio honore al Plejsankta-Koro de Jesuo estis entuziama demonstrado de fidelularo en Budapeŝto. Favoritaj de la vetero pli ol 20.000 homoj partoprenis en ĝi, inter kiuj belegan vidajon donis la diversaj religiaj unuiĝoj. La sanktajn predikojn diris en la preĝejo de la Plejsankta-Koro de Jesuo Pastro Máté Timár, Jezuito; kaj, sub la libera ĉielo, D-ro Julio Czapik, abatkanoniko, responda redaktoro de granda hungara katolika gazeto « Koro » (hungarlingve : *Sziv*).

La paroladojn pluirigis disaŭdigiloj por la granda amaso.

### Papa distingaĵo al hungara verkistino

Lia Papa Moŝto Pio XI-a al la aranĝantoj de sankta Emeriko jubileo diversajn distingajojn donacis.

Laŭ propono de Lia Kardinala Moŝto D-ro Justinian Serédi, hungara princprimato, Mario Blaŝko, kunlaborantino de la hungara katolika gazeto *Sziv* « Bene merenti » diplomon ricevis de Lia Papa Moŝto.

Nomita verkistino jam de longe laboras kiel katolika jurnalistino, kaj krom tio ankaŭ multajn verkojn skribis en pure katolika spirito. Dum la jubileaj festoj pasintjare, ŝi entreprenis la organizadon de infanunuiĝoj, kaj faris tion tiel rezultplene, ke tio alportis por ŝi la plej altan laŭdon.

### Nova preĝejo en Pécs

Kvankam jam jaroj forpasis depost la foriro de Lia Ĉefepiskopa Moŝto Grafo Julio Zichy al Kalocsa, tamen la amo al li tute ne ĉesis; li eĉ hodiaŭ tiel vivas en la koro de ĉiuj Pécsaj loĝantoj, kiel dum lia restado en Pécs.

Sed krom tio li vivas ankaŭ en tiuj institutoj, kiuj siajn ekestiĝojn dankas al lia oferemeco. Inter ĉi tiuj plej unue estas menciinda la de li fondita Pio-ĉefgimnazio, kie jam depost multaj jaroj instruas kaj edukas la junularon senlacaj bonaj jezuitaj patroj.

Nature ĝi havis ankaŭ kapeleton, sed tiu kapeleto jaroj post jaroj fariĝis tro malgranda, ĉar ne nur la studentaro sed ankaŭ la loĝantaro de ĉirkaŭajo amase vizitis ĝin. La plej varmega sopiro de la Jezuitoj fariĝis nun realaĵo, kiam per helpo de bona Dio kaj per subteno de multaj malavaraj animuloj, belegan duturan preĝejon konstrui apud la kolegio. Ĝi havas romanan stilon, kaj la belega arta monumento de la Plejsankta-Koro de Jesuo, el blanka marmoro, sur la ĉefaltaro, estas donaco de Lia Papa Moŝto.

Kiam la vojaĝanto proksimiĝas al Pécs, kiel unua bonveniganto la preĝejo de la Plejsankta-Koro de Jesuo salutas lin.

Dankon al Dio la preĝejo nun jam tute pretiĝis, kaj la unuan fojon estis aranĝita pasintmonate, la sankta procesio honore al la Plejsankta-Koro de Jesuo. La Ĉioplejsanktan Altarsakramenton portis Lia Episkopa Moŝto Francisko Virág kaj en la procesio partoprenis eklezia kaj mondaj eminentuloj; inter la ceteraj: la riprezentanto de la urbo, universitata profesoraro, oficiroj kaj la kredularo el tuta urbo, kies nombro estis multaj miloj.

### 50 jaroj je la servado de Dio

Sendube 50 jaroj estas longa tempo en homa vivo. En iu ajn profesio aŭ vivstato kiu atingas tion, povas esti dankema al la ĉiopovanta Dio. Sed kun kiom da dankemo turnas sin al Kreinto tiu, kiu ĉi tiun duoncentjaron pasigis en la servado de Dion? Kiom da gracoj ricevitaj dum tiu ĉi tempo li devas ekdanki alveninte al tiu ĉi haltejo? Ĉar la pastra ofico havas vojon, sur kiu pli multe da dornoj kreskas ol rozoj. La pastro neniam apartenas al si mem, sed ĉiam tute al sia fidelularo. Li dediĉas ĉiujn siajn tempon, sanon, scion kaj laborkapablecon por savi la animojn, kaj reciproke kion li ricevas? Tre ofte maldankemecon, akran atakon, malbelan suspekton de tiuj, kiuj ne povas ekkompreni ilian dian elsendon laŭ la Krista ordono: « Instruu la Evangelion al ĉiuj nacioj! »

Unu tia dia elsendito nun haltis post 50-jara senĉesa marŝado. Sed nur por momento, por rerigardi la forpasintajn jarojn, ankoraŭ unufoje travivi ties ĝojojn, trasuferi ĉiujn malĝojojn, kaj poste levi siajn okulojn kun larmoj de dankemo al la Kreinta Dio. Pastro Alfonso Schmidt, Franciskano, la 2 julio, jubileis la 50-jaran datrevenon de sia pastriĝo kaj diris kun kortuŝa koro sian oran meson en la franciskana preĝejo de Pécs.

Pastro Alfonso Schmidt naskiĝis la 2 aŭgusto 1856, en Magyarhertelend. La teologan studadon li finis en Pécs, kaj post kelkjaraj funkciadoj kiel kapelano en diversaj lokoj li fariĝis paroĥestro en Laŝkafalu kaj poste en Hosszuhetény. Krom la konscienca prizorgado de animoj, li fondis multajn religiajn unuiĝojn. Inter la ceteraj: la Katolikan Rondon, la Sociojn de la Plejsankta-Koro de Jesuo, kaj de Sankta-Rozario, la Unuiĝon de Filinoj de Mario, ktp.

Sur la deklivo de monteto Zengö, en pitoreska ĉirkaŭaĵo, arbaran kapeleton li konstruigis je la honoro de la sankta Virgulino.

Li portis diversajn ekleziajn oficojn kaj kiel rekompenco por liaj meritoj li fariĝis kanoniko.

En jaro 1920 li enpaŝis en Franciskanan Ordenon, kies ano li ĉiam sopiris fariĝi. Kiel monaĥo li tre ofte faris misio-paroladojn, spiritajn ekzercadojn, kaj aŭskultis, konsolis en konfesseĝo la longajn vicojn de pentfarantaj animoj.

Okaze de lia ora meso la franciskana preĝejo fariĝis malvasta. Tute tute plenigis ĝin la fidelularo ne nur el Pécs, sed ankaŭ el aliaj lokoj, kie li dum sia vivo kiel pastro funkciis. Ĉeestis ankaŭ Lia Episkopa Moŝto Francisko Virág, Pastro Oswald Oslay, Franciskana provincialo, kanonikoj kaj multaj pastroj, kiuj post la ora meso ĉiuj humile genuiĝis antaŭ la maljuna jubileanta servanto de Dio, por peti kaj ricevi lian jubilean benon.

Apenaŭ finiĝis la sankta meso, apenaŭ manpremis Patro Alfonso la lastan gratulanton, kaj forviŝis el siaj okuloj la larmojn de kortuŝeco, li jam denove paŝadis al sia ŝatata konfesseĝo, por disdonadi al la orajn konsolojn de sia jubileanta animo al la ĉagrenitoj.

Heleno Fiedler.



Patro Alfonso Schmidt meze de siaj franciskanaj fratoj

Maldekstre de li Patro Oslay, provincialo, kaj malantaŭe de ĉi tiu Patro Juvenal Jagiera, monaĥestro, fervora pioniro de nia Esperanto-movado.

# El Ĉeĥoslovakujo

### Gimnastikaj kaj etnografiaj festoj de moraviaj katolikaj gimnastoj « Orel » (Aglo) en Hodonín

Dimanĉon kaj lundon 28-29 junio pasinta, okazis en sudmoravia urbo Hodonín grandstilaj kaj unikaj festoj de katolikaj gimnastoj « Orel », kiuj koncentriĝis en tiu ĉi urbo dekmilojn da katolikoj.

Jam frumatene, vicigis sin la partoprenintoj en grandan procesion havante inter si ok muzikkapelojn kaj kvardek flagojn. De la Katolika Domo oni procesie foriris por ĉeesti sanktan meson celebratan pro granda amaso ekster preĝejo sur la kampo. Post la parada marŝo preter la Domo de la artistoj okazis manifesta agla kunveno, kie parolis vicprezidanto de Senato el Praha, D-ro M. Hruban kaj aliaj.

Samtempe okazis granda popolkunveno, en kiu partoprenis ministro de Ĉeĥoslovaka respubliko, D-ro Jan Srámek, kiu en sia alparolo akcentis, ke « ĉiu, kiu scias kio estis kaj estas por la ĉeĥa nacio Kristanismo, klopodos per ĉiuj fortoj firmigi la kristanajn principojn en tuta nia vivo nacia, publika kaj privata ».

Posttameze okazis sur la stadio ĉiuspecaj gimnastikaj ekzercoj kaj ludoj de « Orel ».

Se la dimanĉo estis destinita al la gimnastiko, la lundo apartenis al la etnografiaj festoj kaj popolaj kutimoj.

La marŝon tra la urbo partoprenis pli ol 2.000 en naciaj kostumoj vestitaj gejunuloj, kun 11 muzikkapeloj kaj 90 flagoj kaj standardoj. Poste dum la publika prezentado estis aranĝitaj ĉiuspecaj popolaj kutimoj, ludoj kaj dancoj, ekz. la moraviaj kaj sileziaj naciaj dancoj, « Veturo de l' reĝoj, Reĝinetoj, Kamparana geedziĝfesto, Rekrutoj, Rikoltfesto, Nuliĝo de la servuto, Festeno kun la florkrono, Slovaka festeno kun la starigo de maja arbo », k. a.

Se oni scias, kiom pitoreskaj kaj multkoloraj estas la popolkostumoj de diversaj distriktoj de Moravio, tiam oni komprenas, kiom fabela kaj ensorĉa estis la rigardo. La okulo nesciis, kien pli frue rigardi.

### Tendaro de Slavaj skoltoj en Praha

Dimanĉon 28 junio pasinta, estis en Praha inaŭgurita tendaro de Slavaj skoltoj. Ĝi komencis je la 9-a matene, per granda skolta marŝo tra la ĉefurbo, en kiu partoprenis miloj da diversnaciaj geskoltoj. En la fronto de la vico marŝis la plej aĝa skolta honorgrupo el Praha kun la ŝtata standardo, kaj poste la anoj de la ligo de skoltestroj, gvidantoj de eksterlandaj delegitaroj, kaj la delegitaroj mem. Unue la Anglaj kaj Polaj skoltinoj, poste skoltoj Belgaj, Anglaj, Irlandaj, Skotaj kun skota sakfajfisto, multego de skoltoj Polaj, Jugoslavaj, Rumanaj, Subkarpatorusaj kaj aliaj. Fine la skoltoj Slovakaj kaj Ĉeĥaj. Memstare iris la grupoj de katolikaj skoltoj Ĉeĥoslovakaj.



Grupeto de katolikaj skoltoj esperantistaj en la Praha-tendaro antaŭ la kampa altaro

La tuta skoltaro celis al reĝa kastelo « Hradĉany », kie ĉiuj koncentriĝis en la kortegoj, kaj la skolta gvidantaro sume 40 personoj, estis akceptitaj de la prezidanto de Ĉ. S. R. D-ro F. G. Masaryk, de la ministro por Eksterlandaj Aferoj, D-ro E. Beneŝ, kaj aliaj.

La tendaro de la skoltoj daŭrinta pli ol semajno, estis lokita en Praha-VII, apud la granda urba parko « Stromooka » (Arbarparko). Tie sur la vasta terspaco estis pere de la skoltoj establitaj centoj da primitivaj kabanoj kaj tendoj, kien venadis miloj da Prahanoj por prapraokule vidi la skoltan vivon.

En la tendaro de katolikaj skoltoj estis lokita kampa altaro, kie estis celebrata la sankta meso. La protektanto de la festoj de katolikaj skoltoj estis Msro D-ro F. Kordaĉ, ĉefepiskopo de Praha, kiu persone vizitis la tendaron, kaj dum sia ĉeesto ĉe teo, aranĝita de Polaj skoltoj, en sia alparolo li akcentis la signifon de amo al Dio, homaro kaj naturo.

Inter la aliaj eminentaj personoj vizitintaj la tendaron ni citu la ambasadorojn de eksterlandaj Potencoj en Praha, nome Pola, Franca, Bulgara, Hungara, Itala, Rumana, kaj aliaj riprezentantoj el Praha societo.

Francisko Kudrna.



### La katolika gazetaro kaj la nia

La Hispana ĵurnalo *Crónica Social*, en Tarrasa, represis, en sia numero de la 30 junio, la ĉefartikolon de Pastro Ramboux: « La katolika Eklezio ne spertas landlimojn ».

La Franca jurnalo *L'Eclaireur de Nice* bonvolis afable paroli pri la enhavo de nia gazeto en siaj numeroj de la 19 kaj 26 julio lasta. Tutkoran dankon!

La Pola misi-revuo *Nasz Misjonarz* bonvole anoncis al siaj estimataj legantoj nian gazeton kaj ties enlandan abonejon. Dankon.

Alia Pola jurnalo: *Dziennik Gdynski* represis, kiel ĉefartikolo, en sia numero de la 28 julio, la artikolon de D-ro Hinsenkamp, pri Esperanto, la lingvo de la Vatikana radio-stacio.






(Laŭ la *Animateur des T. N.*)

Rigardu, kara leganto,
kian gradon atingas via fervoro por K. V.

## EL AŬSTRUJO

### Por leĝa reguligo de la festtagdemando

En la parlamentkunsido, la 14 julio 1931, la kristsocialaj parlamentanoj Emma Kapral, D-ro Kolb, Paulitsch Knosp, Leskovar, Doppler, Ellend, Manhalter, Duscher kaj kunuloj enportis proponon por kreo de festtagleĝo.

La propono citas jenajn tagojn, dum kiuj devas laŭleĝe ĉesi la laboro en Aŭstrujo: ĉiuj dimanĉoj, la ŝtataj aprobitaj festtagoj nome Novjaro, Trireĝoj, Ĉieliro, Kristkorpa tago, Petro kaj Paŭlo, Maria Ĉieliro, Ĉiuj Sanktuloj, Senmakula Koncipulino kaj Kristnasko (25 decembro), same la ŝtatfesttagoj: la 1 majo kaj 12 novembro. Kiel ripoztagoj, kiuj devas esti festataj en la ĝenerala trafiko devas valori: Paska lundo, Pentekosta lundo, la tago de la landpatrono kaj la 26 decembro. La laborripozo devas okazi en ĉiuj publikaj oficejoj, lernejoj kaj industrioj de la ligo, de la liglandoj kaj de komunumoj, en grandindustrioj, tiuj de la profesiordo submetitaj industrioj kaj ĉiuj lernejoj kun publikecrajto. Ĝis tiam estas esceptoj allasataj en la intereso de la senĝenitaj industrioj de la publikaj aŭ en la intereso de la ĝeneraleco direktitaj entreprenoj; tiuj devas esti reguligitaj per dekreto de la tutregistaro. Ĉiuj ĝisnunaj decidoj devas esti forigataj se ili ne harmonias kun tiu ĉi leĝo.

En la argumento por la leĝo estas citita jene: La festtaglaboro fariĝis konstanta institucio en Aŭstrujo, precipe en Wien.

La ĉesigo de la festtaglaboro konformas la deziron de la superforta plimulto de la laborprenantoj kaj -donantoj, kiuj pli volonte estas liberaj unu tutan tagon plu, ol mallongiĝita labortempo je kelkaj labortagoj.

Spertaj ekonomiaj politikistoj ne vidas en aliaj disdonoj de la labortempo malutilon de lą laborkontrakto. En tempo de granda senlaboreco meritas tiu ĉi propono, ankaŭ tial precipan atenton ĉar ĝi montras la eblecon, por la ĝisnuna, je festtagoj disdonita laboramaso, okupigi senlaborulojn dum labortagoj. De la ekonomia politika vidpunkto estas komuma antaŭiro necesa.

La nuntempa festtagĥaoso havas grandajn malavantaĝojn. La nuna stato malebliĝas komunan solenon de la festtagoj en centmiloj da katolikaj familioj kaj detruas tradiciajn kutimojn ligitaj al katolikaj festtagoj de alta kulturvaloro. La katolika loĝantaro en Aŭstrujo koleregas pro la festtaglaboro, precipe en la konstruprofesio en la stratkonstruado kaj en la grandaj fabrikejoj, ankaŭ pro la malfermado de la vendejoj (esceptita kelkaj). Ĉar ĝi kontraŭagas la dian leĝon, ankaŭ de la ŝtato atentotan, ĝi malhelpas 15 milionojn ŝtatanojn plenumi siajn religiajn devigojn, animan edifon, ĝi (la festtaglaboro) ofendas la religieman senton de supera loĝantara plimulto kaj detruas la festtagripozon kaj -humoron, ties realigo estas ĝenerala laborripozo.

En la fluo de la interkonsiliĝoj kaj leĝdonada laboro al la reformo de la sociala leĝdonado estas okazo decidi por fiksi la leĝan laborripozon.

JOSEF PICH.

(Laŭ la *Kleine Volksblatt.*)

*Kun la permeso de la ekleziaj aŭtoritatoj.*

Respondeca Redaktoro *(Gérant)*: Th. MERVILLE.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e. - Gob. 62-71

*Bonvolu niaj abonantoj, kiuj sciigas nin pri ŝanĝo de adreso, aldoni al sia averto sumon da 1 fr. 50 (1 respondkupono).*

KATOLIKA VIVO

DUSEMAJNA GAZETO INTERNACIA

Anonc-Oficejo:
10, Rue Pergolèse
Paris-XVI

Poŝta ĉekkonto:
Ramboux Georges, Paris no 281.40

ANONC-TARIFO:

| | | |
|---|---|---|
| Unu tuta paĝo | fr. fk. | 750.— |
| 1/2 paĝo | — | 420.— |
| 1/4 paĝo | — | 250.— |
| 1/8 paĝo | — | 150.— |
| 1/16 paĝo | — | 90.— |
| Anoncetoj, la linio | — | 5.— |

La anoncoj estas kutime pagotaj samtempe kun la mendo.

Ni konsentas rabaton 10 % por 12 sinsekvaj kaj samtekstaj anoncoj, kaj 20 % por 24 anoncoj.



*organizu ponumeran vendadon de nia gazeto en via urbo!*

☆

Tiucele ni sendas al unu sama adreso:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 5 ekz. | kontraŭ | pago | de | fr. fk. | 5.— |
| 10 | — | — | — | — | 9.— |
| 25 | — | — | — | — | 20.— |
| 50 | — | — | — | — | 35.— |
| 100 | — | — | — | — | 60.— |

Sendu mendojn kune kun mono al nia Propagand-Oficejo: 10, rue Pergolèse, Paris-XVI. — Poŝta ĉekkonto: Ramboux Georges, Paris no 281.40.

Parizaj poŝtkartoj kun esperantlingva teksto: la kolekto (20): 3 fr. fk.
Ĉe nia administracio.

Deziras korespondi pri ĉiuj temoj S-ro St. Malinowski, Biskupia, 15, en Chelmno, Pomorze (Pollando).

Deziras korespondi pri ĉiuj temoj S-ro K. Dobrzalski, M. Focha, 2, en Chelmno, Pomorze (Pollando).



**Bonmoraj kaj religiaj FILMOJ**

kun titoloj en ĉiuj lingvoj ankaŭ en Esperanto

Petu klarigojn ĉe la Administracio de *Katolika Vivo*.

**HISTORIO DE KRISTO**

**La fama ĉefverko de PAPINI**

estas havebla pere de la Libreja Fako de *Katolika Vivo*.

Prezo, afrankite: fr. fk. **60.—**

Nepre sendu la monon kune kun la mendo.

1a Jaro — No 16-17 ★ ĈIUDUSEMAJNE ★ 16-30 Aŭgusto 1931

# Katolika Vivo

informiga gazeto internacia



## Ekstera beleco kaj ĉarmo de Katolikismo

*Pri tiu temo skribis* S. Wingate Taylor *en la angla* Catholic Fireside :

Tro ofte ni ne taksas sufiĉe alta tion, kion ni ĉiam posedis. Plej altvaloraj havajoj, fariĝintaj parto de nia ĉiutaga vivo, riskas — eĉ kutimas — esti rigardataj kiel io memsekva, kaj pro tio povas esti, ke la belajoj de komuna praktiko trafas fremdulon pli je la koro ol al ĝi kutimiĝinton.

Multaj katolikoj montros mirplenajn mienojn, se oni al ili rakontas, ke en nia lando (Anglujo) multrilate protestantoj interesiĝas pri arta beleco de Katolikismo pli ol katolikoj mem. Ŝajnas ke la nekatolika antaŭjuĝo kontraŭ la ligo de arto kun religio malaperis, kaj sektoj, kiuj libervole iam senigis sin de religiaj esprimiloj, nun sin turnas, pro animbezono, pli kaj pli al ni.

Eklezioj, kiuj antaŭ nelonge fieris, ke ili nepre malsimilas Katolikismon, nun konstruas gotikstile, kaj transprenis multajn niajn praktikojn, ekzemple kandelojn kaj ornamitan presbiterejon.

Por ni la preĝejo estas la surtera Di-domo, kaj pro tio niaj prapatroj ne timevitis penojn por fari el ĝi belegan atestajon de niaj kredo kaj amo. Jen la principo, kaj de l' plej humila vilaĝpreĝejo kaj de l' plej belega katedralo. Krome, la preĝejo tie staras por ni ; ĝi estas la simbolo de l' vera interno de nia kredo, simbolo kiu subtenas nian vivon spiritan. El ĝia materia aspekto venas al ni la ideo, ke tio, kion ni beligis en spirito de sakrifiko potence reagas je ni por nin helpi al pieco. Nun, kiam aliaj homoj fariĝis niaj disĉiploj, rilate al admiro al preĝeja arto, ni mem pri ĝi ne malfervoriĝu.

Ju pli ni scias historion de Kristanismo kaj liturgion, des pli ni estu inklinaj honori ne sole korinterne tiun saĝecon, kiu ĉiam penas alkonduki ĉiamaniere la homojn al Dio.

Kvankam la spektaklo de homplenaj katolikaj preĝejoj estas ofte uzata kontraŭ ni por nin akuzi pro metodoj de terorizado, la vigluloj inter ni bone realigas, ke ni adoras ne sole ĉar ni sentas ke ni devas, sed ĉar ni adoras volonte.

La nuna « maŝina » jarcento tre ŝajnas esti la plej terura malamiko, kiun iam la Eklezio trovis kontraŭ si. Oni dirus, ke la spirito de la homo jam ne povas iri sampaŝe kun la giganta evoluo de tekniko. Ofte la ununura rifuĝejo por kvieta pripenso estas la preĝejo. Ni do faru ĉion eblan por konservi ĝian riĉan heredajon de religia atmosfero.

Deklaru sin la katolika sento kontraŭ modernizajoj, kiuj nur iom estas kontraŭaj al tio, kio tiel jarcentlonge nutris la piecon de la prapatroj. Ni scias : la fundamentaj principoj de nia religio neniam ŝanceliĝos. Sed ni ankaŭ atentu al eksteraj detalajoj : ekz. ĉu ne estus dezirinde, ke la senviva brilo de elektraj lumoj, kiu tiagrade jam invadis niajn altarojn, malaperu por ree esti anstataŭata de mistika kandellumo, lumo kiu estis por ni kaj multaj niaj antaŭuloj simbolo de kredo ? Ĉu estas la katolikoj, kiuj pro alkutimiĝo, montriĝos indiferentaj pri la netakseblaj riĉajoj de katolikaj artoj kaj kutimoj ?

Fr. Floriano.

## La Meso por la Paco en Parizo

Kiel ni jam sciigis, okazas ĉiumonate, en la preĝejo Nia-Sinjorino de la Venkoj, en Parizo, Meso por la Paco. La lastan ĉeestis la Germana Kanceliero Brüning, tiam vizitanta Parizon. Li estis akceptita ĉe la pordo de la pilgrima preĝejo de la Franca Ministro Champetier de Ribes. Ankaŭ ĉeestis aliaj eminentuloj politikaj kaj katolikaj.

## NIAJ ALTRANGAJ PROTEKTANTOJ



Lia Episkopa Moŝto Aleksandro Caillot
el Grenoble (Francujo)

« Ĉio, kio celas la alproksimiĝon de la popoloj, estas aprobinda kaj enkuraĝiginda. Esperanto estas unu el la tiucelaj rimedoj, kaj unu el la pli efikaj, kiam ĝi inspiriĝas de la kristana karitato kaj de la katolika spirito,

« Mi do benas vian verkon kaj volonte rajtigas vin, min enskribi inter la anoj de via Patrona Komitato.

« Kun miaj bondeziroj por la sukceso de *Katolika Vivo* kaj tute via en Kristo.

† Aleksandro Caillot, *ep. de Grenoble.* »

*Ne estas grandega laboro por vi varbado de unu nova abonanto. Sed akiro de mil novaj abonantoj estas tute nepra por la vivo de nia gazeto. Plenumu do vian etan taskon, kies rezulto estas tiel grava !*

## LETERO EL BELGUJO

Kvankam multaj Belgoj bedaŭris, ke niaj riprezentantoj ne venkis en la « Bicikla Rondiro de Francujo », ni tamen — kaj eĉ pli — ĝojas, ke niaj riprezentantoj en aliaj rondoj estas venkintaj kaj gratulataj : nur antaŭ monato oni, dum internacia kunveno en Varsovio (Polujo), ekzemple menciis, ke en Belgujo ekzistas la plej bela organizado kaj prosperado de

**la katolikaj laboristinasocioj.**

La nacia ligo de la katolikaj viringildoj kunvenis en julio kaj oni priparolis unue la faritan laboron, kiu precipe dum la pasinta jaro baziĝis sur la Encikliko pri la kristana edziĝo. Due la farotan laboron : ĉi tiun jaron oni decidis alporti pli da vivbeleco en la vivon de edziniĝitaj laboristinoj. Kiel ? Disvastigante per studtagoj, paroladoj, mastrumadaj lecionoj, filmoj, broŝuroj, revuoj, patrinkluboj, ktp., la sekvantajn ideojn :

1) Klaraj konceptoj pri la edzeca kaj familia vivo : la feliĉo aranĝi ĉion en propra familia rondo.

2) Influo ĉe la novedziniĝitaj kiuj precipe estas minacataj per la modernaj ideoj pri « libera amo », maltusianismo, ktp., do atenti ilin pri la riĉego havi proprajn infanojn kaj kore prizorgi ilian edukadon.

Ankaŭ kreditkasoj pruntedonos al malriĉaj aninoj la bezonatajn sumojn.

Ĉu mirinde, ke tia ligo prosperas ?

Aliflanke la viroj ne malantaŭe restas :

**La kristanaj ministoj**

kongresis okaze de la 25-a datreveno de sia asociofondo : 25 jaroj de luktado kaj laborego en la nigra Valonujo, kie la socialistoj jam estis organizintaj la ministojn en siaj asocioj, kaj en la nova Limburga industria centro. Nun ni vidis la fruktojn de tiu laborego : 5.000 ministoj promenis tra Bruselo en siaj laborvestoj kun siaj lampetoj, meze de multnombraj standardoj, flagoj, atestante sian kredon, kaj montrante al la ĉefurbo, ke ili estas forto, pri kiu ĝi devas atenti. Kaj pri ili atenti la lando jam faris : iliaj projektoj pri salajraldono por mulnombraj familioj, pri la sendanĝerecigo en la minejoj, pri la pensionoj por maljunaj ministoj iĝis leĝoj !

**Internacia kongreso de la kristanaj fakasocioj**

okazos dum septembro en Antverpeno. Parolontoj el Utreĥto, Frankfurto, Bruselo, Parizo priparolos la krizon, la raciigon, la senlaborecon, ktp. Antaŭa internacia konferenco pritraktos la interesajn demandojn pri la laboristinoj.

**Diversajoj**

Alian pruvon ke la sociaj demandoj multe interesas nian popolon, evidentigis la festo okazinta en Heverlee (Loveno), kie la unua ŝtono de nova socia lernejo estis solene starigita, ĉar la malnova ejo fariĝis tro malgranda por la kreskanta lernantaro ! Tie oni edukas la estontajn direktantojn de nia nacia socia kristana movado.

En Loveno ankaŭ okazis kortuŝanta soleno dum kiu lia Pastra Moŝto Goossens estis promociita al la titolo de Majstro (Magister) en teologio. Post la solena juro de la promociito, li ricevis la distingajn signojn de sia ofico : la ringon kaj ĉapon, kaj tiam la rektoro kaj ĉeestantaj episkopoj kaj profesoroj al li donis la kutiman ĉirkaŭbrakigon. Lia Episkopa Moŝto Coppieters (Gento) toastis dum la sekvanta festeno kaj i. a. diris al la rektoro, ke ĉi tiu jam trifoje renkontis kaj venkis ventegon : unue, ventegon sur la Tiberiada Lago dum vojaĝo kun la parolanto ; due, la militon ; trie, la mondfaman balustrado-aferon. Nun kvara ventego aperas ĉe la horizonto, minacante la katolikan universitaton. Jes la ĉielo estas malhela. Ĉar la uragano kreskas en Flandrujo. « Mi, episkopo en Gento, estante surloke, povas ĝin atesti ; kaj ni — pli ol kiu ajn — vidas ĉiujn danĝerojn minacantajn la ĉe la neŭtrala — (komplete flandrigita L. C.) — universitato studandajn studentojn. Iĝas tempo disvastigi la flandrigado al la kompleta universitata organizo. Grandaj malfacilajoj alproksimiĝas sed mi konas Vian Ekscelencan Moŝton kaj esperas ke ankaŭ ĉi tie via kuraĝa regado triumfos per rapida kaj kompleta flandrigado de nia kara « Alma Mater », kaj ke vi eliros pli forta ol ĉiam el tiu ventego. »

Ni efektive spertas, ke la flandraj katolikoj nun iras al la flandralingva ŝtata universitato en Gento (la franclingva estas en Liége) kaj forlasas pli kaj pli la katolikan franclingvan (kaj parte flandralingvan) universitaton de Loveno. Espereble baldaŭ Loveno estos denove la rendevuo de *ĉiuj* belgaj katolikaj studentoj.

Ankaŭ en la radio-demando la belgaj katolikoj unuiĝos kontraŭ la perfida neŭtraleco, kiu atakas nian religion, nian Sanktan-Patron Pion XI-an, nian Eklezion, kaj malhelpas la plenumon de nia katolika devo en tiu rilato nome la proklamado tra la etero, ke Kristo estas nia amreĝo, ke Kristo devas regi la mondon !

En alia batalkampo la flandraj kaj franclingvaj Belgoj flankenstaras nome en

**la katolika junularmovado en Belgujo.**

Mi hodiaŭ nur parolos pri la franclingva, la en la admirindega asocio A.C.J.B. (Asocio Katolika de la Belga Junularo) kunlaborantaj junuloj. Estas miriga la granda nombro de eldonajoj, kiuj ekzistas en ĉi tiu asocio ; mi mencios kelkajn el ili ĉar tio tuj donos klaran ideon pri la vasta laborkampo de tiu nepre tre juna asocio : La kristana junularo kampokultura (ĉiusemajne) ; La kristana junularo lernanta (ĉiusemajne) ; La kristana junularo sendependa (ĉiudusemajne) ; La kristana junularo laborista (ĉiusemajne) ; La kristana junularo universitata (20 foje pojare). Krome la direktantoj de tiuj sekcioj havas specialan informbultenon.

La A. C. J. B. estas organismo de la katolika agado en Belgujo, kiu celas rekristanigado ne nur de siaj anoj sed ankaŭ de la tuta popolo, kaj laboras sub la gvidado de la eklezia hierarĥio. Ĝi ne ludas kaj ne volas ludi politikan rolon.

Kompreneble la Junulara Laborista Asocio estas la plej prosperanta sekcio : ĝi havas 75.000 membrojn, junajn laboristojn kaj laboristinojn, en siaj 1.800 lokaj sekcioj, kaj kolektis 5 milionojn da frankoj dum la pasinta jaro ! Ĝi do ne bezonas la politikon por prosperi kaj nur atentas pri sia belega celo : rekonkeri al Kristo ĉiujn junajn gelaboristojn en Belgujo.

Ankaŭ en Flandrujo ĉi tiu movado estigis novan staton ĉe niaj junaj laboristoj : ili jam ne hontas kiel antaŭe pri sia kristaneco ; male, ili fieras pri sia insigno de junaj katolikaj laboristoj kaj en la laborejoj ili plenumas sian taskon silentante la iamajn fiparolantojn, ili atentigas la brutajn klaĉantojn pri io alia ol la homa korpo, ili rememorigas la ekzistadon de la bono, de la belo, de la animo, unuvorte de Dio.

L. Calloens.